2a JARO AŬGUSTO 1910 10a NUMERO (22)

# BELGA ESPERANTISTO




MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

redaktata de **VAN DER BIEST-ANDELHOF**, direktoro ;
**LÉON CHAMPY, FRANS SCHOOFS** kaj
**OSCAR VAN SCHOOR.**




**Belga Esperantisto** malfermas specialan rubrikon pri la **Sepa internacia esperantista kongreso**, okazonta en **Antverpeno**, de la 20a ĝis la 27a de aŭgusto 1911.

La organiza komitato de la kongreso, kiu alprenis la nomon **La Sepo por la Sepa**, estas kunmetita jene :

S-roj

**Van der Biest-Andelhof**, prezidanto de la Belga Ligo Esperantista, prezidanto ;

**Oscar Van Schoor**, farmaciisto, vicprezidanto ;

**D-ro W. Van der Biest**, okulisto, sekretario-kasisto, (Adreso : 70, Minderbroedersrui, Antwerpen — Canal des Récollets, Anvers) ;

F-ino **Maria Posenaer** ;

S-roj

Leŭtenanto **Fr. Dupont** ;

**Louis Ritschie**, ĉefoficisto de la Publika Instruado ;

**Fr. Schoofs**, komerca oficisto.

La **Sepo** jam tre ageme laboradas. Ĝi akiris la certigon de la morala kaj financa apogo de la Urbestraro kaj de la kunhelpo de « **Anvers-Réclame** ». Interkonsente kun tiu organismo ĝi presigis kaj disdonas 10000 tre elegantajn, bele ilustritajn 32paĝajn broŝurojn pri Antverpeno kaj la kongreso, el kiuj 2000 estas senditaj al Washington. La aliaj estos disdonataj kaj dissendataj plej efike Okaze de la Washington'a kongreso S-ro Gabriel Chavet faros paroladon kun lumbildoj pri la Skeldurbo.

Ankaŭ estas eldonitaj 100.000 ekzempleroj de artplene gravuritaj reklammarkoj, vendataj en kovertoj de 100 ekzempleroj, po 1 franko. Jen bonega reklamilo, kiujn ĉiuj samideanoj deziros aĉeti.

Inter la organizotaj festoj estos citinda la prezentado de la famkonata teatraĵo *Kaatje*, originale franclinge verkita de Paul Spaak, esperantigita de D-ro W. Van der Biest, kaj ludota de artistoj de la Reĝa Flandra Teatro. La komedio estas presata kaj baldaŭ aperos.

Ĉar de nun **La Sepo** havas gravajn elspezojn pro la unua organizado, korespondaĵoj kaj presaĵoj, ĝi estos tre dankema al tiuj samideanoj, kiuj de nun mendos kaj pagos sian kongresan karton (Fr. 12.50 = Sm. 5.- ). Sin turni al la sekretario-kasisto.

**La Sepo** esperas ke la **Sepa** estos multnombre ĉeestata, kaj nenion preterlasos por ke la kongreso estu inda je la ses antaŭaj kaj je la konata gastameco de la artama Antverpeno.

---

# ESPERANTO

EN

## La Mondkongreso de la Internaciaj Asocioj

*Bruselo, 9-11 Majo 1910*

Je la dua tago de la Mondkongreso de la Internaciaj Asocioj, la 3an de Majo, sub la punkto 6 de la tagordo de la kongreso, estas traktita la demando pri enkonduko de internacia helplingvo.

Laŭ la raportoj prezentitaj de la Organiza Komitato, la Kongreso troviĝis koncerne ĉitiun demandon antaŭ du grupoj, unuflanke la grupo, kiu proponas la francan lingvon kaj aliflanke la grupoj, kiuj proponas la enkondukon de artefaritaj sistemoj.

La diskutado okazinta en la sekcio, kiu havis la specialan taskon studi ĉi tiun punkton, instigis unue al klarigo pri la demando, ĉu komuna lingvo estas utila ĉe internaciaj kongresoj aŭ ĉu estus preferinde konservi la nunan sistemon, kiu postulas la uzadon de granda nombro da lingvoj kaj la funkcion de tradukistoj, aŭ plie ĉu oni simple devus alpreni la tri ĉefajn lingvojn : francan, germanan kaj anglan.

La rimarkoj, kiujn oni faris, kondukis al la ideo pri enkonduko de unu sola lingvo, kaj oni tiel troviĝis antaŭ la demando, ĉu estus necese elekti nacian lingvon (francan aŭ anglan) aŭ artefaritan lingvon neŭtralan.

Pro la protestoj kiujn faris la reprezentantoj de la ne-elektitaj lingvoj, la diskutado montris ke la unue nomita solvo estas praktike neefektivigebla.

El ĉi tio rezultas, ke la ĝenerala impreso estis absolute favora al la enkonduko de artefarita lingvo neŭtrala, kaj tio

estas precipe klarigita en la parolado de S-ro Lecointe, direktoro de la observatorio de Bruselo, kiu finis la kunsidon.

* * *

Estas do fakto ke la Mondkongreso de la Internaciaj Asocioj, kiu kunvenigis la ĉefajn aŭ rajtigitajn reprezentantojn de la grandaj internaciaj organismoj de scienco, tekniko kaj juro, enskribis la demandon pri Internacia Lingvo en sian konstantan programon kaj tagordon flanke de la sube cititaj gravaj demandoj :

1. La kunago inter la internaciaj asocioj.

2. La jura administrado de la internaciaj asocioj (laŭ leĝa rekonado, civiljura personigo k. c.).

3. La internaciaj unuo-sistemoj en la sciencoj kaj la teknikaj servoj, unuecigo kaj kunordigado de la sistemoj, la metra sistemo, la sistemo de C. G. S. (centimetroj, gramoj, sekundoj) la tipoj kaj la definitiva fiksado (*standardisation*).

4. La tipoj de la internaciaj organismoj (kompara esploro, utileco kaj neutileco de la ekzistantaj sistemoj).

5. La internacia asocio kaj la organizo de la bibliografio kaj dokumentado.

6. La scienca terminaro kaj internaciaj esprimoj (sistema terminaro de la sciencoj, signaloj, internacia lingvo, sciencaj tradukoj).

Kaj ĉi tiun fakton, kune kun la fakto, ke la lingva demando longe estas diskutita en la kunsido de du kunigitaj sekcioj de la Mondkongreso, ni povas konsideri kiel gravan antaŭenpaŝon por la efektivigo de nia idealo.

Kion do ni devas fari, ni Esperantistoj ? Nur tion, kio estas milfoje repetita : labori, propagandi kaj antaŭ ĉio samcentrigi niajn klopodojn en tiu punkto, kiu estas la vera fokuso de nia konstanta progresado : la nacia propagando, kaj la internacia kunlaborado por Esperanto. Samgrade kiel ni progresigas la nacian propagandon, ni progresigas la internacian kunlaboron kaj reciproke, kaj agante tiamaniere, ni laŭ la plej efika maniero kunagos por kunordigi niajn laborojn, ĝeneralajn kaj specialajn, kun la laboroj de la Mondkongreso, tiaj kiaj ili estas skizitaj en la programo de la kongreso kaj poste fikse starigitaj en la kongreso mem. Kaj en la sama momento kiam ni per nia laboro kaj propagando plene estos samcentrigintaj niajn klopodojn en la grandioza Monda Movado, al kiu la Mondkongreso de la Internaciaj Asocioj estas la solida fundamento, — en tiu momento nia lingvo Esperanto enpenetros tra la miloj da kanaloj, kiuj interplektiĝante en la ĉelaro de la internacia organismo, provizas kaj nutras la internacian vivon ĉiarilate.

Do, samideanoj, laboru por nia lingvo ĉie en la mondo kaj flankelasu ĉiun klopodon, kiu ne rekte povas progresigi Esperanton nacie kaj internacie. FR. DE SKEEL-GIÖRLING.

## La Esperantista movado en Bruselo

Estas certe ke la belega internacia ekspozicio en Bruselo prezentis belan okazon al nia lingvo por montri ĝian utilecon kaj vivforton al la kosmopolita vizitantaro. Niaj agemaj Bruselaj gesamideanoj neniun okazon flanklasis por utiligi la Mondfoiron al nia movado, ĉu helpante la multnombrajn esperantistojn, alvenantajn el multaj diversaj landoj, ĉu konigante Esperanton al la neesperantistoj. Oni ricevis el Parizo 12.000 ekzemplerojn de la bonega lernlibreto nomata « la ruĝa broŝuro », multajn milojn de « Esperanto sur unu folio », 900 ekz. de la bela libreto « l'Esperanto et la langue internationale ». Tiuj lastaj estas donaco de niaj anglaj amikoj.

Oni disdonis ĉiujn ĉi propagandilojn senpage. Plie, por certigi la efikecon de tiu disdono, oni klopodis por ekkoni la nomon kaj la adreson de la akceptintoj. Tiamaniere formiĝas grade kompleta adresaro de personoj, kiuj, almenaŭ ŝajne, interesas sin pri Esperanto.

* * *

En la julia numero de B. E. estas cititaj la paroladoj pri Esperanto, okazintaj en la festhalo de la Ekspozicio. Nia movado ŝuldas grandan dankon al la sindonaj oratoroj, kiuj bonvolis dediĉi sian talenton, sian elokventecon, por propagandi nian karan lingvon al la vizitantoj de la Ekspozicio. Raportoj pri la paroladoj aperis en diversaj ĵurnaloj ; la plej bonajn enhavas la « Revue des congrès et conférences », kiu publikigas esperantan tekston flanke de la franca.

* * *

Eĉ niaj kontraŭuloj nevolonte helpas nian movadon. Efektive, en la Brusela ĵurnalo « Le Soir » aperis antaŭ nelonge artikolo favoranta unu el la multaj plagiatoj de Esperanto La aŭtoro citis inter la anoj de « Ido » la eminentan rektoron de la Dijon'a Universitato, S-ron E. Boirac, prezidanton de la Lingva Komitato kaj de la esperantista Akademio. Tio donis al S-ro Boirac la okazon skribi al « Le Soir » la jenan leteron :

Dijon, 17 juillet 1910.

Monsieur,

(1) On me communique le numéro du *Soir* du 13 juillet 1910, où mon nom est cité parmi ceux des savants qui ont, dit-on, « prôné » l'ido.

L'auteur de l'article est bien mal informé, ou sa bonne foi a été étrangement surprise. En tous cas, je proteste hautement contre cette assertion. Non seulement je n'ai jamais prôné l'ido, mais je l'ai toujours considéré et je le considère encore plus que jamais comme *une plate contrefaçon* de l'esperanto. Si j'ai été mêlé, bien malgré moi, à la *triste affaire* de la Délégation, je peux me rendre ce témoignage que je n'ai jamais été dupe ni *complice* de cette extraordinaire mystification, d'ailleurs très habilement, pour ne pas dire très perfidement, machinée dans le but de ravir au docteur Zamenhof la gloire d'avoir doté l'humanité de la langue internationale de l'avenir.

Je compte, monsieur, sur votre loyauté, pour vouloir bien publier en bonne place ma rectification dans votre plus prochain numéro et vous en remercie d'avance.

(s.) E. BOIRAC,
*recteur de l'Université de Dijon, président du Comité Linguistique Espérantiste.*

* * *

Esperanto partoprenis en la kongreso de la perioda gazetistaro.

Inter la raportoj prezentitaj troviĝas : *a)* Raporto pri la esperantista gazetaro : S-roj *Carlo Bourlet* kaj *Fr. de Skeel-Giörling*, delegitoj de la Centra Oficejo en Parizo ; *b)* Raporto pri la universala militista gazetaro (en franca kaj esperanta lingvoj) : S-ro *Paul Coquemare* (Angoulème) ; *c)* Raporto pri la skandinava perioda gazetaro : S-ro *Fr. de Skeel-Giörling* (Kopenhago).

Nia klera kaj fervora amiko Carlo Bourlet organizis plej sukcesintan kunvenon, en kiu partoprenis i. a. diversaj ĵurnalistoj kaj personoj ne esperantistaj. S-ro Lafontaine, senatano, malfermis la kunsidon per parolado en Esperanto. Poste S-ro Carlo Bourlet, franclingve, skizis historion pri la esperantista gazetistaro ; li pruvis ke Esperanto estas efektive vivanta lingvo, kies progresado devas havi kiel fundamenton la unuecon. Nur la natura evolucio, kontrolota de la Lingva komitato kaj la esperantista Akademio, povas ĝin plibonigi laŭbezone.

Laŭtaj aplaŭdoj salutis la paroladon de S-ro Bourlet, kiu estis sekvata de diskutado pri la dezirindaj rilatoj inter Esperanto kaj la gazetistaro. Partoprenis en ĝi diverslandaj samideanoj : Hispano, Ruso, Anglo, Germano, Belgo, Holandano, Franco, Bohemo. Tiu turniro de elokventeco ege impresigis la kunsidantaron.

Post kiam S-ro Van der Biest-Andelhof, prezidanto de la B. L. E., estis vokinta la atenton de la ĉeestantoj sur la VIIan esperantistan kongreson, okazontan en Antverpeno dum 1911 (20an-27an de aŭg.), komenciĝis koncerteto kun kantoj, deklamaĵoj kaj bela teatraĵeto, kiu rikoltis grandan sukceson.

A. RICHARDSON.

(1) **Traduko.** Oni komunikas al mi la numeron de *Le Soir*, de la 13a de julio 1910, kie mia nomo estas citata inter tiuj el la scienculoj, kiuj « laŭdigis » Ido'n.

La aŭtoro de l'artikolo estas malĝuste informita, aŭ oni strange surprizis lian fidon. Ĉiuokaze, mi laŭte protestas kontraŭ tiu pretendaĵo. Ne nur mi neniam laŭdigis Ido'n sed mi ĉiam konsideris ĝin kiel *malindan imitaĵon* de Esperanto. Se mi partoprenis, malgraŭ mi, en la *bedaŭrinda entrepreno* de la Delegacio, mi povas doni al mi la ateston, ke neniam mi estis, nek trompito, nek *kunkulpulo* de tiu strangega mistifiko, cetere tre lerte, por ne diri perfide aranĝita por forrabi al D-ro Zamenhof la gloron de donacinto de la internacia lingvo de l'estonteco al la homaro.

Mi fidas en via honesteco, Sinjoro, pri la publikado de mia rektigaĵo en bona loko de via proksima numero, kaj pro tio mi antaŭdankas vin. (subskr.) **E. Boirac**, *rektoro de la Universitato de Dijon, prezidanto de la Esperantista Lingva Komitato.*

# Rozeto en Ventego

Malnova flandra melodio

Esperanta teksto de
FRANS SWAGERS




2. Fortecon donas l'unuec' de l'geamantoj du ;
Kuraĝe kontraŭstaras ili je la sorta sku'.
Ne timu la ventegojn de la viv', ho belulin', } dufoje
Se vi amas fajre min.

## Esperanto ĉe la Blindulkongresoj

La legantoj de B E. sendube memoras la belan akcepton, kiun faris al parolado pri Esperanto ĉe la blinduloj la Napola kongreso de 1909. Hodiaŭ mi estas feliĉa montri paŝon antaŭen :

De la 20ᵃ ĝis la 25ᵃ de februaro 1911 okazos en Kairo (Egiptujo) la 5ᵃ tutmonda Blindulkongreso sub la alta protektado de Lia Kediva Moŝto. Inter aliaj temoj oficiale priparolotaj, mi rimarkas jenan :

3ᵉ *Ĉu la alpreno de Esperanto kiel lingvo internacia por la blinduloj estas jam eksperimentata? Kaj, se jes, kiujn rezultatojn praktikajn oni povas jam montri?*

Mi diris, ke la starigo de tiu demando estas paŝo antaŭen. Efektive, en la tria tutmonda kongreso, kiu okazis en Bruselo, Sinjoro Dor el Lyon parolis unuafoje pri la temo : disvastigi Esperanton inter la blinduloj, kaj li tute ne estis komprenata; la vorto mem Esperanto lasis la kongresanojn indiferentaj ; ĝi sonis kiel strangaĵo, pri kiu ne devus sin okupi grava kunsidantaro.

En la kvara kongreso, en Napoli, mi havis la honoron reparoli pri la sama temo, kiu tamen ne estis oficiale proponita al la kongreso. Pli feliĉa ol S-ro Dor, mi provis montri la progreson faritan de 1902 ĝis 1909 dank'al la klopodoj de S-roj Cart, Adams kaj multe da aliaj esperantistaj blindulamikoj ; kaj aplaŭde, unuvoĉe, oni akceptis la konkludojn de mia parolado.

En la kvina kongreso, la organiza komitato mem starigas oficiale la demandon. Tio montras, ke la ideo iom post iom enradikiĝas ĉe la blindularo kaj ĝiaj amikoj ; ni povas esperi ke, en la sekvonta kongreso, Esperanto estos almenaŭ permesata kiel kongresa lingvo, kaj ke baldaŭ ĉiuj komprenos kiom profitus niaj kongresoj en utileco kaj facileco se la internacia lingvo, de ĉiuj kongresanoj konata, estus ekskluzive uzata en niaj mondaj kunvenoj.

Mi intencas verki respondon al la demando de la 3ᵃ kongreso de Kairo ; por tio mi petos la eksterlandajn legantojn de B. E. sendi al mi informojn pri la disvastigo de Esperanto ĉe la blinduloj de ilia lando. Estas tre grave por nia afero, ke oni diskonigu ĝian progreson, ĉar en nia speciala tasko, tutsame kiel en nia ĝenerala esperantista agado, ni renkontas plu nur unu sed potencan kontraŭstaranton, la senfidon : Esperanto ne sukcesos ; ne estas eble konvertigi la tutan mondon al tiu ideo : sed tiu malamiko des pli perdos el sia forto, ju pli fortiĝos nia agado.

Pro tio, en ĉiuj fakoj, ni imitu la Parizajn organizintojn de la katolika kongreso, tio certe havos gravan influon sur nia tuta propagando ; ĉar ĝi montris la taŭgecon praktikan de

la lingvo kaj la progreson de la propagando. Ciu faska progreso estas paŝo antaŭen al la fina elvenko de la lingvo internacia.

Frato IZIDORO, profesoro ĉe la Reĝa
Blindulinstituto de Woluwe-Bruselo.

---

# FIDO

Ekdormis ĉe profundegajo
Laciĝa vojiranto,
Aliaj repasas pretere
Sen zorgo pri dormanto.

Post ĉiuj la lasta alvenas
Grizhara, kurva viro,
Rekonas, paliĝas — kaj haltas —
Sencela nun daŭriro.

« Ĉielo, dankon vi ricevu
Okaz' por favorega !
Neniu min vidas — mortiĝu
Eksfrato malamega ! »

« Li mian feliĉon detruis,
Rabist' de la trezoro !
Velkiĝis mi nekonsolebla
Post la terura horo. »

« Doloro en supermezura
Post jaroj pasis jaroj,
Pro pensoj kaj ploro blankiĝis
Iamaj blondaj haroj. »

« Ekflamu gigante venĝeco !
Se neegala forto
Batalon maleblas — hodiaŭ
Liveras lin la sorto ! »

« Puŝeto malpeza suficos,
Senŝanceliĝa ago,
Ni tro longe jam atendadis,
Jen fine paga tago ! »

Etendas la manon venĝanto,
Sed *li* neestingebla —
Ĉar inter la du viroj staras
Estaj' nevundigebla.

— « Se ankaŭ neniu vin vidus
Malesperega ido,
Nevidate *mi* vin malhelpus
Mi — amikino Fido ! »

« La tagon de pago havigos
Al ĉiu l'estonteco,
Pesilon en man' kiam tenos
Anĝelo de Justeco. »

« Sufero, dolor', pardonemo
Kompenson multvaloran.
Atingos — la malaj agoj
La sorton malfavoran ? » —

La manon etendas denove
Grizul', en fida grando
Dormantan li nun malamikon
Fortiras de la rando.

Ĉi tiu okulojn malfermas
Mortfrapon atendante :
« Pardonu — mi pentas ! » kriegas
Tutkorpe tremegante.

« Ne timu ! » respondas Noblulo ;
Nigra de la perfido
« Pardonu — forgeson ordonis
Savante vin — la Fido. »

Ŝi tuta dum vivo direktis
Helpante, mian vojon
Per sia ĉiela ĉeesto
Venkante ĉiun fojon. »

« Antaŭen ! — foriris diino
Kun Espero ! — sia ido,
Mi sekvas ilin — *ĉar neniam*
Mi restus *sen la Fido.*

Rosa Junck.

---

# ESPERANTO FACILA

## ESPERANTO EN LA KOMERCO

Jam en multaj artikoloj mi insistis pri la neceseco serĉadi ĉiujn remedojn por enkonduki (1) Esperanton en la praktikan vivadon.

La uzado de Esperanto en pervidkarta korespondado, en turismo, ĉe gastotabloj, k. t. p. sendube utilas al la lingvo kaj ĝia propagando ; sed tio estas ankoraŭ tro luksa kaj nedaŭrigebla uzado.

Se la Esperantistoj deziras la ĉiaman vivemecon de sia lingvo, ili devas nepre kaj ĉiamaniere provi disvastigi ĝin inter la komercistoj, industriistoj, sciencistoj, maristoj...

Malgraŭ la forteco de la de ni ĉiuj konataj argumentoj, mi, ĝis antaŭ kelkaj tagoj, neniel sukcesis varbi (2) por nia movado du el miaj amikoj, du komercajn oficistojn (3).

Ili ĉiam respondis al miaj argumentoj : « Neniu el la Antverpenaj komercistoj uzas Esperanton.— Ni ambaŭ enspezas(4) multe, dank' al nia kono de la franca, germana, angla kaj hispana lingvoj, kaj ni certigas vin, ke tiuj lingvoj riĉe sufiĉas por niaj multnombraj rilatoj. — Plie, se, kiel vi asertas,(5) Esperanto estas tiel facila, kaj se, kiel vi esperas, Esperanto estas forpuŝonta (6) la aliajn fremdajn lingvojn, post kelka tempo sin prezentos tiom da korespondantoj, ke nia profesio perdos sian valoron, ke ni estos sen pano. Vi komprenas do, ke nia devo ordonas al ni kontraŭstari vian movadon. »

Tamen vi iĝos Esperantistoj, mi diris, montrante la antaŭeniradon de nia lingvo en diversaj komercaj urboj, vi marŝos laŭ la fluo (7) de nia movado ; se ne, baldaŭ la fluo vin renversos !

* * *

Nu, antaŭ kelkaj semajnoj, du rimarkindaj faktoj pri Esperanto okazis en Antverpeno mem.

Granda komercisto, laboriganta pli ol dudek oficistoj, ricevis Esperantan leteron el malproksima lando, pri kiu mi nur povas raporti ke ĝi enhavas multe da samideanoj. Neniu el liaj komizoj komprenis la leteron. Unu el ili, konanta min, konsilis al la komercisto transdoni al mi la senditaĵon. Oni do fine tradukigis ĝin de mi, kaj, kiam mi klarigis ke la fremdlanda firmo demandis la plej malaltan prezon por ega livero (8) de iu artiklo, kiun mi ne povas nomi tie ĉi, la Antverpena komercisto petis min tuj skribi la respondon.

Kiu ekmalkaŝis (9) tiun komercan sekreton ? Mi ne scias ; ĉiuokaze, ne mi. Sed certe estas, ke post kelkaj tagoj, oni multe priparolis la okazintan fakton en iu angulo de la Borso, kie oni pritraktas la artiklon.

La dua fakto estas, ke alia firmo, vendanta la saman artiklon al la sama fremda lando, baldaŭ poste demandis korespondanton, konantan ankaŭ Esperanton !

Estas vera kaj ĝojega triumfo por nia lingvo, kaj pri ĝi mi raportas tie ĉi, por ke ĉiu Esperantisto ĝin proklamu laŭtvoĉe !

Por mi mem, tre gajiga konsekvenco de tio estas ke miaj du amikoj, la komercaj oficistoj, ambaŭ komencis la studadon de la Zamenhofa lingvo, kaj tre baldaŭ klopodos por disvastigi la rilatojn de siaj estroj en tiu malproksima kaj en aliaj fremdaj landoj.

Por esti agrabla al miaj amikoj kaj al aliaj samideanoj en la komerco, mi donas sekvonte, en Esperanto, kelkajn plej uzatajn komencaĵojn kaj finaĵojn por komercaj leteroj.

Tamen, mi petas ĉiujn samideanojn en la komerco reciprokserve (10) skribi, eĉ se nur ekzerce, de tempo al tempo en Esperanto al malproksimaj landoj, por fari prezdemandon, servprezenton, cirkuleron, k. t. p. Ili vidos ke tia ekzercado povos esti fruktodona por sia komerco ; ĝi ĉiuokaze tre favoros (11) nian movadon.

### Komencaĵoj por komercaj leteroj

— Mi havas la honoron prezenti al vi miajn servojn por la ekspedado (12) de...

— Mi permesas al mi atentigi vin pri la jena demando.

— Mi sciigas vin, ke ni jus starigis tie ĉi ekspedan firmon — komercan societon — bankon — sub la nomo...

— Permesu al ni ke ni rikomendas al vi nian jus starigitan firmon por...

— Senkulpigu, ke mi prenas la liberecon komuniki al vi...

— En la sama koverto ni sendas al vi nian plej novan (tutlastan) prezaron, (13) al kiu ni altiras vian bonvolan atenton.

— Mi ŝuldas vian adreson (*) al niaj komunaj amikoj, Sinjoroj B. kaj K-o kaj...

— Mi posedas vian leteron (*), (vian mendon (14), vian monsenditaĵon) de la 5a n. m. (nuna monato) l. m. (lasta monato) pro kiu ni sincere dankas vin.

— Responde al viaj linioj (*) de la 24-a l. m, ni sciigas vin ke...

### Finaĵoj por komercaj leteroj

— Mi varme rekomendas nian firmon al vi kaj salutas vin altestime — kun altega estimo...

— Mi esperas ke vi baldaŭ volos ĝojigi nin per prova mendo...

— Esperante ricevi de vi favoran respondon, ni subskribas.

— Salutante vin respektege, ni atentigas vin pri nia nomskribajo...

— Bonvolu ricevi (akcepti) la esprimon de nia sincera estimo...

— Mi petas vin honori (favori) nin per baldaŭa mendo (respondo)...

— Fidante, ke niaj tre favoraj kondiĉoj trovos vian tutan aprobon kaj incitos vin baldaŭ transigi al ni vian mendon (*); kies zorgoplenan kaj rapidan plenumon (15) ni garantias, ni salutas vin..

(*) *Rimarko.* — Laŭvole oni povas ankoraŭ uzi la esprimojn « Mi ricevis vian estimatan (aŭ honoratan, respektindan) leteron, mendon, adreson, cirkuleron » k. t. p. Tamen, tiaj malnovaj esprimoj iom post iom malaperas el la nuntaga korespondado, precipe el la germana. Oni prave rimarkigis, ke se peco da papero, aŭ se adreso, mendo, k. t. p. estus vere indaj je estimo aŭ honoro, oni devus nepre ankaŭ honori la komercaĵojn, kiuj certe valoras pli, kaj skribi, ekzemple : Mi ricevis viajn estimatajn bovhaŭtojn, aŭ : kun plezuro ni ricevis vian honoratan mustardon ! k. t. p. (Por plej ampleksaj klarigoj pri tio, oni legu mian artikolon en la nunjara januara n ro de « La Revue pratique des Sciences commerciales, Dir. M. O. Orban, Liége », — paĝo 149). SKALDO.

**Klarigoj.** — (1) enkonduki, invoeren, introduire ; — (2) varbi, inlijven, enrôler ; — (3) oficistoj, klerken, employés de bureau ; — (4) enspezi, verdienen, gagner ; — (5) aserti, beweren, prétendre ; — (6) forpuŝi, verdringen, éliminer ; — (7) fluo, vloed, courant ; — (8) livero, levering, livraison ; — (9) ekmalkaŝi, ontsluieren, dévoiler ;—(10)reciprokserve, om eenen wederdienst te bewijzen, pour rendre un service réciproque : — (11) favori, begunstigen, favoriser ; — (12) ekspedado, verzending, expédition ; — (13) prezaro, prijzenlijst, prix-courant;—(14) mendo, bestelling, commande, ordre ; — (15) plenumo, uitvoering, exécution.

## PROBLEMOJ (1)

### I. Logaritmo

*N. B. Ĉiu cifero figuras ĉiam saman literon.* La aero estas hela kaj 9264 : la suno jam 1238651. Kun mia edzino, mi ĝuas tiun agrablan veteron. Jen 126 la supraĵo de la 4560, veturas

(1) Oni sendu la solvojn al S-ro Frans Schoofs, sekretario de la Redakcio 49, Kleine Beerstraat. Antwerpen. (49, rue de la Petite Ourse, Anvers). Prefere skribitajn sur poŝta karto.

En la lasta numero de la 2a jarkolekto estos publikigataj la nomoj de la solvintoj. Oni povas respondi pseŭdonime.

Belaj premioj estos aljuĝataj.

7890 negranda. Subite mia edzino volas ekkrii, sed 785 voĉo ne povas eliri el 785 3270. Ŝi nur montras al la 7890, kiu sen videbla kaŭzo ekfundiras en la 538140. Tiam ridetante mi diras : Ne timu, 45680, tiu 7890, kiu ĵus malaperis en la akvon, kiel 4210 en sian truon, baldaŭ reaperos, ĉar ĝi estas 1234567890.

### II. Aritmogramo

N. B. Anstataŭu la nombrojn per Romaj ciferoj ; anagamigu ilin kun la donita vorto, por trovi la difinitajn vortojn.

5 + lupo = alia viandomanĝanta besto.
506 + ek = instruadi.
52 + regulo = ekleziulo.
501 + teo = saniga vivmaniero.
50 + ago = rabobirdo.
55 + taso = ĝentilaĵo.
51 + reto = indulgi.
6 + one = jaluza sento.
51 + arbo = utile agi.
1 + fero = fari agon plej ofte sanktan.

Akrostike legu la unuajn literojn de la novaj vortoj, vi trovos ĝojigan signon de espero.

### III. Diabolo

Figuro :

.
. .
. . .
. . . . . . . . . .
. . .
. .
.

Vokalo — franca kapo de ĉaro — parto de l'korpo (radiko) — modele — nomo de venkonto — ĉu iu neniam havis tiun senton ? — adjektivo — du konsonantoj — vokalo.

Plantano.

# HUMORAĴOJ

### La gardostaranto

Soldato gardostaris dum hela aŭtuna nokto. Promenante tien kaj reen antaŭ sia budeto, li reveme alrigardis la domojn kaj la turojn de la urbo. Liaj rigardoj trafis la turon de la Observejo, de kie la scienculoj sekvas la kuron de la astroj. Astronomo ĵus antaŭenpuŝis sian teleskopon, kaj observadis stelon. La soldato kredis, ke la teleskopo estas tubo de pafilo kaj sin demandis : Kion tiu volas forpafi ? Post kiam li estis rigardanta dum kelka tempo, falis stelo, kiel oni nomas tion. La soldato ekmiregis. Jen lertulo ! li ekkriis. Li kredis ke la astronomo malsuprenpafis stelon de la ĉielo.

### En hotelaĉo

Vojaĝanto, lacega kaj ŝvitanta, estis alvenanta en ĉambreto de la 5a etaĝo, kie sur la muroj, li ekvidis nigrajn makulojn.

— Kio estas tio? li demandis al la servisto.

— Mi ne scias, estis la respondo. Frapu en la manoj, se estas muŝoj, ili forflugos, se ne, estas..... cimoj.

### La motivo

— Kial vi opinias, S-ro advokato, ke via kliento perdos sian proceson? Ĉu vi elĉerpis ĉiujn leĝajn rimedojn?

— Ne.... sed mi elĉerpis lian monujon.

## DIVERSAJ INFORMOJ

— **Universo** « Internacia klubo de kolektantoj de poŝtkartoj kaj poŝtmarkoj ». Sub tiu titolo fondiĝis antaŭ nelonge klubo, kiu celas sin dediĉi al la sporto de la kolektado de poŝtmarkoj kaj volas instigi la fabrikistojn de ilustritaj kartoj aldoni kartojn kun Esperanta teksto. La kotizajo estas duonjare 1 franko (= 3/4 Sh., Mk. — 75, Sm. 40). Ĉiu membro ricevos senpage belan monatan gazeton kun la adresoj de ĉiuj membroj. Ĉiu povas iĝi membro; la nura kondiĉo estas: la sola skribata kaj parolata lingvo estas Esperanto. Interesiĝantoj ricevos tute senpage la regularon kaj ekzempleron de la klubgazeto.

Sekretario: S-ro Fritz Stephan en Leipzig, Moltkestrato. 28.

— **Teosofia Esperantista Ligo**. Fondiĝis antaŭ nelonge Teosofia Esperantista Ligo kies celoj estas la jenaj: 1. konigi Esperanton al la Teosofiistoj, 2. konigi Teosofion al Esperantistoj, 3. konigi Esperanton al la Teosofia Ligo kiel ĝian internacian lingvon.

Par havi pliajn informojn pro la T. E. L. oni bonvolu skribi al S-ino Dion-Trouillon, 145, Boulevard Malesherbes, Paris, XVII.

— **S-ro Agostino Levanzin**, 12 str. S. Vicenzo, en Sliema (Malto), verkas nunmomente libron pri famaj blinduloj. Li estos tre dankema al ĉiuj, kiuj bonvolos sendi al li sciigojn kaj dokumentojn pri la de li pritraktata temo.

— **International Correspondance Exchange**. La Internacia Korespondado Interŝanĝo celas faciligi la internaciajn rilatojn, ĉu per la naciaj lingvoj, ĉu per la internacia lingvo Esperanto. Ĝis nun tia societo tute mankis en Belgujo, al kiu lando tamen, pro ĝia centra situacio, nature sin turnas ĉiu kolektanto.

La I. K. I. estas perfekte organizata, ĝia monata jurnalo aperos je la 1a de oktobro, kaj poste je la 10a de ĉiu monato.

Ĝi celos kuraĝigi la studadon de la modernaj lingvoj, kaj precipe de la internacia Zamenhofa Esperanto. Abonprezo estos ĉiujare f. 2.25 (= 90 Sd) por Belgujo, kaj por aliaj landoj fr. 2.75 (= 1.10 Sm.).

Por abonoj kaj por ĉiaj informoj, sin turni al la sekretario, S-ro J. DE CANCK, 53. rue des Flamands, Jette-Bruxelles.

*Per interrilatoj oni iĝas amikoj!*

— **Libera Penso.** La Internacia Societo Esperantista de liberpensuloj « Libera Penso » organizas tiun ĉi jaron sian ĝeneralan kunvenon je lundo la 22a de aŭgusto, je la 9a matene, en la kunvenejo de la universala kongreso de la Libera Penso en Bruselo (Salle de la Madeleine).

La komitato invitas al tiu kunveno ĉiujn esperantistajn samideanojn, « kies pacifista kaj homama idealo supozas la respekton de ĉiuj opinioj kaj la sendependecon de la penso. »

Sekretario : **René Deshays**, *Sens*, (Yonne), Francujo.

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la izolitajn samideanojn, ke ili sendu kiel eble plej akurate informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25 an de ĉiu monato, al la Direktoro de « Belga Esperantisto », 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), Antwerpen (Anvers). Tre dankeme nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**ANTVERPENO.** — Sekve de la disfaligo de la malnova arsenalo, kampo de pli ol 2 hektaroj estas nunmomente libera en la mezo de la plej bela parto de Antverpeno.

La societo « Grooter Antwerpen — Anvers-Extension » (pli vasta Antverpeno) havas la bonegan ideon utiligi tiun neuzitan lokon por la organizado de ekspozicio, kie oni speciale vidigos la diversajn projektojn pri la plivastigo de la urbo, baldaŭ liberigota de ĝiaj ĉirkaŭfortikaĵoj, — kune kun la produktaĵoj de la industrio, artaĵoj k. t. p. « Pli vasta Antverpeno » organizos plie diversajn festojn kaj allogaĵojn ; ĝia honora komitato enhavas la plej konataj altranguloj kaj eminentuloj de la urbo, inter kiuj estas ankaŭ la Prezidanto de la Antverpena Centra Esperantista Komitato. (A. C. E. K.)

Tiu komitato, al kiu la organizantoj prezentis — senpage — lokon de (4 × 12) m², partoprenas en la priparolata ekspozicio : ĝi sukcesis kunigi grandan aron da libroj, broŝuroj, afiŝoj, diagramoj kaj ĉiaspecaj dokumentoj, kiuj naskas, inter la vizitantoj, grandan intereson.

A. C. E. K. plej kore dankas la eldonistojn Hachette & K-io (Parizo), Möller & Borel (Berlin), kaj A. J. Witteryck (Brugo) kiuj malavare pliriĉigis la esperantistan fakon per plej konsiderinda sendaĵo, kiu estonte estos uzata de la Belga Ligo Esperantista por ĝia « fluganta » ekspozicio, organizota okaze de propagandaj festoj aŭ kongresoj.

— **La Verda Stelo**. — La grupanoj estas insiste petataj ĉeesti la ĉiumonatan ĝeneralan kunvenon, kiu okazos merkredon, la 31an de aŭgusto, je la 8 1/2 a vespere en la kafejo « Zomerhof », 32, Dageraadplaats (Place de l'Aurore, Antwerpen (Anvers).

*Tagordo*. 1. Raporto pri la lasta kunveno. — 2. Elekto de unu komisario. — 3. Propagando inter la Antverpenaj societoj. — 4. Sepa internacia kongreso de Esperanto (aŭg. 1911). — 5. Esperantista fako en la internacia ekspozicio de « Pli vasta Antverpeno ».

**Esperantista Unuiĝo**. — Fondiĝis antaŭ nelonge la « Esperantista Unuiĝo », grupo da lernantoj kaj ekslernantoj de la Germana Lernejo, kiu jam kalkulas 34 anojn.

La komitato de la grupo estas kunmetita jene : Prezidanto, Otto Rieniets ; Vicprezidanto, Andreas Siemens ; Sekretario, Gustav Schulz ; Kasisto, Leo Breuer ; Bibliotekistino, F-ino Ida Baron.

La instruado estas donata plej sukcesplene de S-ro Otto Rieniets.

Tutkoran bonvenon al la nova kaj multpromesanta societo !

**BERCHEM.** — La 2 an de julio, S ro Drion faris, sub la aŭspicioj de la Antverpena societo « la Wallonie », tre interesan paroladon en la « Café des Arts », kiu kunigas kvardekon da aŭdantoj. S-ro Drion tre elokvente klarigis la meĥanismon de la lingvo, ĝian grandan utilecon ; li ankaŭ parolis pri la rimarkinda disvastigado, kiun Esperanto jam akiris. La ĉeestantaro ege interesiĝis pri la parolado de S-ro Drion, kies praktika konsekvenco estis la starigo de esperantista sekcio en la « Wallonie ». Kurso estos malfermata de S-ro Drion, dum la monato de Oktobro, en la « Café Ducal ».

La iniciativo do S-ro Drion estas senrezerve laŭdinda kaj imitinda.

— La « Berchema Grupo Esperantista » kunmetis jene la estraron de sia sekcio de Geflegistoj de la esperantista Ruĝa Kruco :

Prezidanto- instruisto : D-ro W. Broeckaert ; Komitatanoj : F-ino M. Nauwelaerts, F-ino Arnauts, S-roj Phlips kaj de la Haye.

**GENTO.** — En Gento fondiĝis antaŭ nelonge grupo de junuloj, kiu alprenis la nomon de « Kunfrateco » kaj eldonas revueton titolitan « Genta Juneco ».

Jen la kunmetado de la estraro de « Kunfrateco ». Prezidanto : S-ro M. de Baets ; Vic-prezidanto : S-ro Joz. Cnudde ; Sekretario : S-ro Paŭlo Mast, (3, Bisdomkaai, Quai de l'Evêché).

**LIEĜO.** — La juna grupo « Espero » tre bone prosperas. Kurso, en kiu partoprenas proksimume 30 personoj estis malfermata la 5 an de julio, post elokventa parolado de S ro Dupont, kiu akceptis la honoran membrecon de la societo.

**SERAING.** — La propagando tre bone sukcesas en tiu grava industria komunumo.

Nova kurso, malfermita la 21an de junio, kalkulas 35 lernantojn ; dank'al la bonvoleco de S-ro Schyrgens, juĝisto, la instruado estas donata en la juĝeja ĉambrego.

La grupo decidis disvastigi sian agadan kampon organizante, dum la venonta aŭtuna sezono, paroladojn kaj festojn. Ĝi anoncas la prezentadon de « Amours Espérantistes » de D-ro W. Van der Biest, la ĉarman komedieton, kiu rikoltis tiom da sukceso dum la Bruga kongreso.

Plej efikaj estas la agadoj de S-ro Advokato J. Jongen, prezidanto, kiu distingiĝas per nelacigebla propagando. Li tre elokvente paroladis pri Esperanto en Seraing kaj ĝia ĉirkaŭajo, kaj laste en la Brusela ekspozicio, kie li pledadis la proceson de Esperanto antaŭ la publika opinio.

Inter liaj kunlaborantoj decas ke estu citataj S-ro J. Soyeur, la fervora kaj lerta sekretario, kaj S-ro Wilmotte, vic-prezidanto, kiu tre sindone kaj sukcesplene instruas nian karan lingvon al la novvarbituloj.

Baldaŭ la « Sereza grupo » fariĝos en la industria regiono de Seraing fortika esperantista kerno kaj centro de potenca propagando.

---

## Het Esperanto in den Vreemde

**BOHEMEN.** — Door de zorgen der « Bohema Unuiĝo Esperantista » zal in 1911 te Praag de « Tutaŭstria Esperanto Tago » plaats hebben, en er de vertegenwoordigers der vele spraakgebieden vereenigen, die Oostenrijk verdeelen, en in Esperanto de oplossing van den moeilijken toestand erkennen, die in dit groote land zooveel moeilijkheden bijbrengt.

— Het landelijk congres der Boheemsche esperantisten zal dit jaar gehouden worden te Praag, den 24-25 September.

—Esperanto wordt onderwezen in de handelschool en in het blindeninstituut te Praag, in de hoogeschool te Telc, in de reaalschool te Litovel en in de beroepschool voor meisjes te Budjovice.

**BRAZILIË.**—Het 3e Braziliaansch congres heeft op 12-15 Mei te Petropolis plaats gehad. Het is uitmuntend geslaagd ; de burgemeester der stad, de hr. Dr Moreira, heeft het congres geopend met eene rede waarin hij zich zeer voordeelig aan onze beweging heeft betoond. 17 afgevaardigden, één

## L'Esperanto à l'Etranger.

**BOHÊME.** — Par les soins de la « Bohema Unuiĝo Esperantista » aura lieu à Prague, en 1911, le « Tutaŭstria Esperanto Tago », lequel réunira les représentants des nombreux territoires linguistiques qui divisent l'Autriche, et qui reconnaissent l'Esperanto comme la solution de la situation fâcheuse qui crée tant d'entraves aux relations dans ce grand pays.

— Le congrès régional des Espérantistes de Bohême se tiendra cette année à Prague, le 24-25 septembre.

—L'Esperanto est enseigné à l'école de commerce et à l'institut des aveugles à Prague, à l'école supérieure de Telc, à l'école réale de Litovel et à l'école professionnelle pour filles, à Budjovice.

**BRÉSIL.** — Le 3me Congrès brésilien a eu lieu du 12 au 15 mai à Petropolis. Il a merveilleusemt réussi; le bourgmestre de la ville, M. le Dr Moreira a ouvert le congrès par un discours, dans lequel il a exprimé sa sympathie pour notre cause. 18 délégués, un par état,ont pris la parole. Le

